# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika“ (Ika), de „Mondjunularo Katolika“ (Moka), de „Internacia Katolika Esperanto Oficejo“ (IKEO) kaj de „Blanka Kruco“ (Internacia misio katolika).



Numero 8, 1922/23 | Graz, Aŭstrio, Februaro 1923 | II. Kolekto 1922/23


# La ondoj de malamo.

Famkonata aŭtoro de 20a jarcento ie diras: la nuntempaj eŭropanoj estas ĉivilizitaj ravbestoj, kiuj per hipokrita vualo de tiel nomita „kristanismo“ kaŝas sian veran naturon. Konsiderante la lastjarajn kaj nunajn okazintaĵojn en Eŭropo, oni povus kredi, ke la eŭropanoj ĉesis kaŝi sian veran naturon, kaj estas nun fieregaj, kiel sangosoifantaj ravbestoj sin mortigi kaj neniigi reciproke. Fakte, la idolana perforto, la kruela „glavo“, la „sankta“ egoismo nacia triumfas. Ho, la justa Dio terure punis la fierajn, avidemajn, senkristajn naciojn de Eŭropo. Ĉar ili donis la korojn al la diaĉo de l'mamonismo, Li blindigis iliajn okulojn. Kio estos la fino?

Ĉiu pacema koro dezirus kriegi kun marbruanta voĉo al ĉi tiuj fieraj kaj blindaj estroj de Eŭropo: Haltu fratoj: En nomo de Jesu-Kristo haltu! Sed la ondoj de malamo ruliĝas, pligrandiĝas, senhalte, senmezure, ĉionruinige.

Meze de tiu ĥaosa bruego de armoj kaj malamoj eksonis profeta voĉo el Romo. Lia Papa Moŝto parolas al la kristanaro. Sed bedaŭrinde Liaj vortoj neaŭdite forsonas kaj eĉ granda parto de kristanaj gazetoj ne publikigis ĵuste tiujn gravajn partojn de la papa letero, kiuj montras la unusolan vojon de paco. Pro tie estu ripetitaj kelkaj frasoj en laŭvorta traduko:

„Ĉiu certe scias, ke nek la individuaj homoj, nek la homa socio nek la nacioj post la malfeliĉa milito trovis veran pacon kaj ke ĉiam ankoraŭ mankas tiu produktiga kaj fruktodona trankvileco, kiun ĉiuj deziregas. Unue oni devas tamen diligente ekzameni la etendon kaj gravecon de tiu ĉi malbono kaj tiam esplori la kaŭzojn kaj radikojn, se oni volas, kiel ni intencas, alporti konvenan rimedon. Kaj laŭ la devo de nia apostola ofico ni decidiĝis komenci per tiu letero, kaj ankaŭ estonte ni ne ĉesos tion daŭrigi. Ĉar la nuntempa situacio estas ankoraŭ la sama, kiu nian honorindan antaŭulon plenumis per granda zorgo dum tuta Lia pontifikato; rezultas konsekvence, ke ni la samajn ideojn kaj zorgojn faras al niaj propraj. Kaj estas dezirinde, ke ĉiuj bonvoluloj sin unuigu kun ni en pensoj kaj voloj kaj kun ni klopodegu, por elpeti de Dio veran kaj daŭran repacigon por la homaro . . . .

Ĉar se ankaŭ, kiel vi scias, depost kelka tempo en okcidento la armoj estas formetitaj, vi tamen scias, ke en proksima oriento minacas la danĝeroj de novaj militoj kaj ke tra vastegaj teritorioj, ĉio estas plena de teruro kaj mizero, dum ĉiutage grandega nombro de malfeliĉuloj, precipe gemaljunuloj, virinoj kaj infanoj, pereas pro malsato, pesto kaj ravo. Kaj kie estis la milito, la malnova disunuiĝo ne ĉesis, kiu nun sin montras aŭ sub la ŝajno de politikaj demandoj aŭ kaŝite per sanĉeliĝo de monkursoj, aŭ malkaŝe en ĉiutagaj aŭ periodaj gazetoj . . .

Tiel okazas, ke la reciprokaj malamikecoj kaj ofendoj ne plu lasas spiri la naciojn. Same la malpaco daŭras ne inter venkintaj kaj venkitaj nacioj, sed inter la venkintaj mem; ĉar la malgrandaj plendas esti subpremitaj kaj misuzitaj per la grandaj, kaj la grandaj plendas esti ... celo de malamikaĵoj kaj insidoj flanke de la malgrandaj. Kaj ĉiuj ŝtatoj senescepte sentas la malĝojajn sekvojn de la finita batalado, pli akre komprenebłe la venkitaj; sed ne malmulte ankaŭ tiuj, kiuj ne partoprenis je la milito. Kaj ĉar la resaniĝo prokrastiĝas, ĉiuj malbonoj pligrandiĝas ĉiutage; kaj tio des pli multe, ĉar la diversaj proponoj kaj la ripetitaj provoj de la ŝtatestroj por rebonigi la mizeran situacion, malsukcesis. Sed ĉar la timo je novaj kaj pli teruraj militoj ĉiam pli grandiĝas, el tio rezultas preskaŭ por ĉiuj ŝtatoj vivi kiel en milita stato . . . .

Pri la kaŭzoj ni legas en la encikliko:

Ĉio ĉi malbono venas el interne. Certe plej solene estis subskribita la paco inter la nacioj; sed ĝi nur restis en la publikaj dokumentoj, sed ne akceptita per la koroj; en ili loĝas ĉiam ankoraŭ la spirito de milito; el ili disvastiĝas ĉiutage pli granda malutilo por la civilizita socio. Tro longtempe triumfis fakte ĉie la juro de la perforto kaj subpremis pli kaj pli en la homoj la sentojn de bonvolo kaj kompato, kiujn enplantis la naturo kaj perfektigis la kristana leĝo. Kaj la restarigo de la paco, realigita nur ŝajne kaj ne fakte, ilin ne rekreis ĝis nun. Tial la kutimo de longe nutrita malamo por multoj fariĝis kvazaŭ naturo...

Tiel ofte okazas, ke la homo ne plu ŝajnas esti, kiel li devus sin senti laŭ la ordono de Kristo, la frato de proksimulo, sed preskaŭ fremdulo kaj malamiko . . . .

Ĉar ankaŭ la amo (al hejmlando), kiu en si estas incitilo al multaj virtoj kaj admirindaj heroaĵoj, se ĝi estas ordigata per krista leĝo, estiĝas kaŭzo kaj fonto de gravaj maljustaĵoj, se el justa amo al patrolando fariĝas senmezura nacionalismo; se ĝi forgesas, ke ankaŭ la nacioj estas fratoj en la granda familio de l'homaro, ke ankaŭ la aliaj nacioj havas rajton je vivo kaj prospero kaj ke neniam estas permesata, disigi la utilon de la permesito . . . Pro tio la tiamaniere atingita profito ofte por la propra ŝtato povas ŝajni ĝoja kaj granda sukceso; sed ĝi estas tro rompebla kiel la vitro, kaj konvena eksciti la plej grandajn timojn pro neatendata memruinigo.

Alia pli profunda kialo de malvera paco ekzistas, kiu jam antaŭ milito multe disvastiĝis . . . La homoj malfeliĉe desiĝis de Dio kaj Kristo kaj ĝuste pro tio ili falis de la pinto de plifrua feliĉo al profundaĵo de tiom da mizeroj . . .“

Ĉu ankaŭ tiuj vortoj sensukcese forsonas en la naciaro? Ĉu oni ne fine komencos pripensi? La ondoj de malamo ruliĝas . . .

**Argus.**

## Tarcizio.

Drama legendo el prakrista herotempo

Originale verkis

**F. Prast**

Esperantigis F. Christanell.

(Daŭrigo.)

**Tarcizio** (liberigas sin de la atakantoj, Romulo teren falas, kaj Tarcizio pretigas sin kontraŭ pluaj atakoj):
Ha risku ree min ataki iu,
Mi batos lin, sangiĝos lia nazo,
Batali mi kuraĝas kontraŭ ĉiuj!

**Miniaso** (restas staranta dum aliaj murmurante flanken disiras):
Almenaŭ diru al ni, ho Tarcizio,
Kuraĝa batalulo vi, la kaŭzon.
Akvumi hamstron, kial ni ne devas?
Rezigni je la ĉaskaptaĵo, kial?

**Tarcizio:** Mi diris jam: malpermesita estas
Turmenti bestojn.

**Miniaso** (dum aliaj revenas): Kie staras tio?

**Tarcizio:** Mi diras mem, kaj tio vin sufiĉu!

**Kurio:** Ĉu opinias eble vi, ke ni
Obeu vin kapricojn tolerantaj?

**Tarcizio** (unu paŝon antaŭeniras, Kurio retiras sin):
Silentu! Ne incitu min! alie —

**Miniaso** (tiras lin flanken, metante la brakon je lia kolo): Sed venu, diru al mi sola nun
De kie vi ricevis la instruon!

**Romulo:** Ĉu mi ne ankaŭ aŭdu la sekreton?

**Tarcizio:** Nek vi, nek iu ajn, — por tio ĉiuj
Vi estas tro malsaĝaj kaj malbonaj!

**Kurio:** Ha — vidu nur virteman la saĝulon!
Nu bone, se por vi ne estas ni
Sufiĉe saĝaj kaj virtemaj, ni foriru!
Tro enuiga estas vi por ni.
Ni vin ne plu bezonas aŭ deziras.
(Sebastiano malantaŭe sur la vojo malrapide alpaŝas nevidita.)

**Tarcizio:** Nu, des pli bone estas. Ankaŭ mi
Pli bonan ol vin kunularon konas!

**Klodio** (flustrante al la aliaj): Verŝajne la Kristanojn!

**Paterno:** Ho jes! La Nazarenoj, la Kristanoj!

**Klodio:** La hommanĝuloj — (moka ridado).

**Tarcizio:** Ho, silentu, vi
Malicaj menzoguloj! Kalumniojn
Ripetas vi malnovajn. — Sed mi scias. —

Dua sceno.

**Sebastiano** (stariginta sin inter Tarcizion kaj la knabojn parolas admonante Tarcizion nur por tiu ĉi aŭdeble):
Tarcizi'! Bridu vian langon tuj,
Retenu vian sangon ekbolantan!
(La knaboj flustras iomete inter si, kaj foriras)
(laŭte) Sensingardeme vi kondutas! Jen,
Nur unu vorto plu vin malkaŝigas!

**Tarcizio:** Ĉu bedaŭrinde? Mi ne volas plu
La rolon ludi de la kaŝemulo;
Libere kaj malkaŝe mi konfesos
La kredon kaj defendos ĝin sentime.

**Sebastiano:** Mi ŝatas la kuraĝon. Knaba tamen
Disputo ŝajnas ne okazo inda,
Ĉar ili ja pri tio nur mokridus.

**Tarcizio:** Se jes — sed tamen mi ne garantias,
Ke mi en la juĝejo, kiel estis
Hieraŭ, kiam oni Monika'on,
Severa'n, la centjaran sinjorinon,
Kondamnis al sovaĝaj bestoj kun
Fidela ŝia sklavo, Onesimo,
Amata nia frato, ke mi tiam
Okaze montros min kaj ekkonfesos:
Mi ankaŭ servas al kristana Dio;
Jesuo nur, la dia Savemulo,
Nur Li la Vero estas kaj la Vivo!
Ja, tiel krios mi, kaj ekmokridos
Se la juĝist' pro tio ekordonos
Torturojn aŭ forsendos min al tigroj.

**Sebastiano:** Ĉu eble opinias, amiketo,
Ke tigroj kaj leonoj jam satiĝas,
Kaj akurate nur atendas vin,
Por trovi bonpeceton plibongustan?

**Tarcizio** (malridetanta):
Vi mokas min, Sebastiano kara
Ĉu mi meritis tion pro fervoro?

**Sebastiano:** Trankvile, etuleto! Vi matura
Al martiro ne jam estas; eĉ apenaŭ
Mi vetus, ke deziro je admiro,
Por montri vin — kuraĝa sentimado
Pli granda estas eĉ en via koro
Ol sankta la sopir' je oferado.
Ĉu ne, ho knaĉjo?
(Prenas Tarcizion je mentono, sed tiu ĉi ne konfideme flanken rigardas.)
Sovaĝemuleto
Ja estas vi, Tarcizi: La fumujon
Ĉe sakra episkopa meso
Tiele svingis vi, ke preskaŭ ĉiam
Fajreroj ekelŝprucis. — Trofervoran
Mi ankaŭ ekrigardis vin hieraŭ!
Ĉeestis mi en vest' oficiala
De la imperiestra gardistaro
Juĝadon pri kristanoj akuzitaj.
Treege mi pro vi maltrankviliĝis.
Diabolet' fajrerŝprucanta kvazaŭ
Vi staris tie, haroj ekstariĝis,
Okuloj ekbrilegis kaj la manoj
Pugniĝis, — ĉion bone mi rimarkis;
Al Dio dankon, ke vi vin retenis! —
Ĉu estus eble al ni ia helpo,
Se vin ĵetigus ili antaŭ bestojn
Sovaĝajn kune kun aliaj fratoj?
Kristana komunumo, kiel daŭros,
Se ĉiuj volus morti nun en unu tago?
Ĉiela nia militestro reĝa
Bezonas nin sur tero, kaj ni vivu
Por lia nova ĉitiea regno. —
Junuloj estas nia estonteco,
Al vi ja restas plej longa vivo!
Ĉu vi komprenas, juna kamp-saltulo?

(Daŭrigota.)

# La situacio de l' eklezio en Jugoslavio.

La tutŝtata loĝantaro nombras 13 milionojn, inter ili eble 37% katolikoj: proksimume 4 milionoj kroatoj, 1 miliono slovenoj; la serboj preskaŭ senescepte estas ortodoksuloj.

En kultura kaj socia rilatoj la katolikoj estas edukataj en diversaj organizacioj. Ĉefe estas rimarkinda la „kristana socia interligo“, kiu zorgas, ke la loĝantaro estu instruata en ĉiuj necesaj sciindaĵoj. Tio fariĝas per ĝiaj sekcioj:

1. Gimnastika unuiĝo „Orel“ (aglo) por la gejunularo katolika, kiu same zorgas pri anima kaj korpa plifortiĝo. Nuntempe ĝi nombras 25.000 membrojn. Ĉe la kroatoj la movado estas en la unuaj komencoj. La unuiĝo nuntempe plej akre batalas kontraŭ la liberala gimnasta unuiĝo „Sokol“ (falko), transplantita de Ĉeĥoslovakio en nian patrolandon. Gi estas tre nationalista kaj pro tio ĝi trovis grandan influon inter la serboj.

2. La ligo por popolaj teatrajoj. Gi donas al la kristanaj teatroj, kiu sin troviĝas en preskaŭ ĉiuj paroĥejoj, bonajn kristanajn teatraĵojn kaj funkcias bone kiel teatra centrejo perada.

3. La „kantligo“ sammaniere zorgas pri bonaj kantoj por la eduka laboro de l' kristana popolo.

4. Unuiĝoj por gestudentoj:

a) en la mezgradaj lernejoj la „Razov“ (sulko), kiu nur estas disvastigata en Slovenio; ĝi nombras 1500 anojn.

b) Unuiĝo por universitataj studentoj ekzistas 6 kun proksimume 330 membroj; plue du unuiĝo por teologiaj studentoj kun 200 membroj. Ĉiuj gestudentaj unuiĝoj havas komunan centrejon en Zagreb, la „studentaligo“ kun 5000 anoj. Ili mirinde zorgas, ke la katolika intelektularo plimultiĝu kaj estu edukataj vere fidindaj, entuziasmaj, laboremaj katolikaj gvidantoj.

Sur la politika kampo la katolikoj estas bone organizitaj. Entute la parlamento havas 100 deputatojn; 60 estas „dekstruloj“, 40 maldekstruloj. Inter la „dekstruloj“ oni nombras 33 katolikojn kaj 27 protestantojn. La katolika partio sin nomas „popolpartio“ fondita de Dro Krek. Gi estas la plej multnombra partio en Slovenio kaj komencas nun desvastiĝi en Kroatio malgraŭ diversaj malfacalaĵoj, kaŭzitaj per la tieaj katolikoj mem. La partio havas 4 sekciojn: por la kamparanoj, la laboristoj, por metio kaj komerco, por la oficistoj.

Laŭ ekonomia vidpunkto la slovenaj katolikoj estas bonege organizitaj, kion oni ne povas konstati rilate al la kroataj. Ni havas pli ol 500 konsumaj, spar- kaj kredituniuĝoj kaj propran katolikan bankon.

Koncerne la rilatojn de la katolikoj al la ŝtato la vidpunktoj estas diferencaj. Momente la katolikoj plej energie batalas por la libereco de la lernejoj kaj la sendependo de l' eklezio. „Kulturbatalo“ (= batalo de l' ŝtato kontraŭ l' eklezio, esprimo veninta de la granda interbatalado inter ŝtato kaj katolika eklezio dum la jaroj 1871—78 en Germanujo) sin preparas, certe malkaŝe, sed des pli danĝere. Kaŭze de la malpartoprenado de la kroatoj je la parlamentaj aferoj la situacio estas iom malluma. La vivo de la katolika pastraro estas ekonomie malfavora, ĉar la leĝo pri rekompencado de la katolikaj pastroj ne ankoraŭ estas akceptita.

La katolika gazetaro estas bone organizita. Krom ĉiutagaj jurnaloj kaj revuoj por la intelektularo ekzistas multnombraj komunikiloj religiaj de la apartoj unuiĝoj. La katolikoj posedas la plej grandan kaj modernan presejon en Jugoslavio. Tamen la katolika gazetaro ne havas tiel grandan disvastigon kiel la liberalaj, kiuj disponas pri neelĉerpeblaj monsumoj.

La tiel nomita „reformema“ movado por krei nacian eklezion disigitan de Romo ne havis sukceson. Pri la kunlaborado kun la ortoksuloj en Serbio ni jam reportis pli detale en K. M.

Sendube la katolika parto de la sudaj slavoj havas ankoraŭ grandan mision, ne nur en la sudslavaj teritorioj, sed precipe ankaŭ inter la nordaj slavoj, plej parte disigitaj de la unu vera romkatolika eklezio.

*) Raporto de Sro Ĉampa, Zagreb okaze de la Luksemburga kongreso.

# La financa situacio de K. M.

Estas oftege konstatita fakto, ke la financa situacio de K. M. ne estas sufiĉe bona. Tio estas facile komprenebla, ĉar granda parto de abonintoj estas el Germanio, Aŭstrio, Polio ktp., do plej malbonvalutaj ŝtatoj, kiuj nun pagis eĉ ne duonon de la faktaj elspezoj por sia abono. La pres-, poŝt- ktp. kostoj estas multe pli grandaj ol la de ili pagita sumo. Tiu deficito ĝis nun estas parte kovrita per abonoj el bonvalutaj landoj, kiuj laŭdinde pagis pli grandan sumon ol ili ŝuldis. Kaj ni publike dankas al la helpemo de tiuj niaj samideanoj.

Tamen tia situacio necerta danĝerigas la estonton de nia kara gazeto kaj ni decidis pro tio por la venonta (IIIa) kolekto fikzi novajn pli justajn prezojn minimumajn, kiuj por bonvalutuloj estas pli malaltaj, aliflanke tamen per sistemo de grandegaj rabatoj ebligas la pluan abonon ankaŭ al samideanoj el malpli riĉaj landoj.

Ni ĉiuj ja komprenas la bedaŭrindan situacion de niaj malfeliĉaj fratoj en malaltvalutaj ŝtatoj kaj certe bonkore kunhelpos, ke ili ankaŭ estonte povas resti en viva interrilato kun la movado pere de komuna gazeto. Precipe niaj amikoj el Germanio kaj Polio, kies monunuoj nun rapidege ruiniĝas, devos havi la konvinkon, ke post haltiĝo de la marko, iom post iom la enspezoj, salajroj ktp. sin konformigos al la internacia monvaloro, tiel ke ili ĝis majo pli facile kapablos pagi la altigitajn prezojn. Por faciligi tion ili povos enpagi en duonkolektoj. Se iu tre malriĉa amiko fakte ne povus pagi la minimuman abonprezon, ni zorgos laŭeble elpeti helpon de alilandaj fratoj. Ni elpetas opinio-dirojn pri la en nuna numero publikigata sistemno de abonprezoj!

**Al ĉiuj tamen ni urĝe alvokas: Pagu ĝustatempe vian abonon! Helpu per donaco kovri la deficiton de nuna dua kolekto! Sendu subtenon por malriĉaj fratoj! K. M. nepre devas vivi kaj pligrandiĝi!**

# Leo XIIIa kaj la internacia agado de la katolikoj.

Estas maltmulte konata fakto, ke la granda papo Leo XIIIa, kiu eble plej klare el ĉiuj lastaj papoj ekkonis la grandajn taskojn de la katolikaro en moderna tempo precipe ankaŭ postulis la internacian kunagadon de la katolikoj, precipe por defendi la eklezion kontraŭ la danĝeraj internaciaj malamikoj.

La tutan aron de la diversspecaj kontraŭloj, kiuj neas positivan kristanismon kaj propagandas nur mondan, sendian kulturon, li komprenas sub la ĝenerala titolo „framasonaro“. La granda papo ne nur mem iniciatis en jaro 1887 kreon de internacia kunligo kontraŭframasona, li ankaŭ en sia mondkonata enciikliko „Humanum genus“ postulas la realigon de tiuspeca ligo. Tie nie legas i. a.

„Instigita per la sukceso la sekto framasona estiĝas ĉiam pli aroganta kaj ŝajnas ne plu koni limon por sia petolemo. Ĉiuj anoj sin subtenas reciproke per siaj kunligoj kaj kaŝita komuneco de siaj planoj kaj tiel ili ĉiujn incitas al la potelemo de siaj agadoj. La forta atako postulas samfortan defendon. Pro tio ĉiuj bonaj devas krei grandiozan komunumon por agado kaj preĝo.“

# Ruslandaj Eĥoj.

(Originalaj raportoj.)

Miaj lastaj sciigoj pri la religia situacio en Rusujo sendube interesis la legantojn de K. M. Tial mi plezure komunikas hodiaŭ novajn eltirojn el letero de la 14a de Novembro.

Mia amiko bonhumore rakontas sian suferplenan vivon kaj plendas nur pri sia malproksimeco de ĉiu pastro, kio devigas lin veturi dum du tagoj por konfesi.

Li parolas unue pri la Papa helpo al la malsata Ruslando:

„Jen okazintaĵo, kiu insiste montras la katolikecon de la Sankta Roma Eklezio. Multgrave estas, ke la Papo atente pensis pri la mizerega Rusujo. La zorgemo de Papa Moŝto estas estonte ricevonta sian rekompencon. La plej interesinda parto de ĉi tiuj malfeliĉuloj estas la infanoj, ĉefe la orfoj. Ĉi tiuj lastaj multiĝis laŭ teruraj proporcioj sekve de militoj kaj epidemioj. Proksime de mia hejmo estas pli ol du cent da ili, nesufiĉe nutritaj, duonnudaj, kiujn la senhava urbkonsilantaro ne povas zorgi, eĉ apenaŭ kontentige. La lastan someron, ili ofte venis peti pecon da pano ĉe la pordo de pastrejo, kaj interŝanĝe prezentis tilifllorojn por fari teon. La vido de ĉi tiuj kompatindaj infanmizeruloj, al kiuj oni povas nenion doni, fendas la koron.“

Poste, la katolika misiisto donas novaĵojn pri la „ortodoksa“ eklezio:

„La Konsiliĝo, kiu estis dononta novan Patriarkon al la rusa Eklezio, ne ĝis nun okazis, kaj oni ne scias, kiam ĝi kunvenos. La rusa dekano de Mak . . . . . kiun mi ofte vizitas, estis irinta al Novotherkask, kiel delegito de la pastraro, kaj li estis partoprenonta al la balotoj de la eparĥiaj delegotoj al la Konsiliĝo. Sed la bonaj „bratuĉka“ estis trovintaj ĉiujn pordojn fermitajn kaj afiŝon sciigan-

# Junula Angulo.

## Oficiala komunikejo de Moka.

# La Verdaj okuloj de l' nokto.

Somero vin instruis ami la teron, varmegan kaj bonodoran. Sed en momento, kiam ĝi plej elokvente parolas al viaj sentoj kaj kunfandiĝas kun vi kiel virino — jen, en momento ĝi malvualas super vi vualojn kaj montras al vi ĉielon kaj stelojn . . .

Viaj okuloj ankoraŭ estas plenplenaj da brilo kaj koloroj de somera tago, viaj oreloj ankoraŭ sonas pro brueto kaj zumado, en kiuj kun dolĉa monotono tremas kampoj, limvojoj, deklivoj kaj herbejoj, tuta via estajo estas ankoraŭ penetrata per plenĝuego de sunplena tago: kaj jen subite vi troviĝas vizaĝo kontraŭ vizaĝo en silenta profundaĵo . . .

Verdaj okuloj de l'nokto enrigardis vin, kaj vole aŭ nevole, vi devas enrigardi ilin.

Somera nokto estas tute alia ol nokto de vintro. Vintraj noktoj brilas frostotremige, sed dum somero nobleco de nokta firmamento enhavas ion bonvolan, ion saĝe afablan. Miela dolĉo desupre gutfluas. Tero, sur kiu vi apogas viajn piedojn, en ombroj sub vi malaperas. Kvazaŭ ĝi intencus, ke vi forgesu ĝin, kaj levu okulojn al ĉielo stelluma. Kvasaŭ ĝi mem intencus rememori, ke ĝi estas belega kaj al sentoj donacema, sed ke animo devas ĝisatendi, kiam ili silentiĝas, ke ĝi povu kun sopiro flugi al altoj, kiuj ĝin allogas al mistera sia hejmo.

Nenion ĝi scias pri sia hejmo, kaj tamen amas ĝin, kaj adoras ĝin, kiam ĝi aperas en sankta brilego. Animo estas ravita, sentas sin malpeza, ŝajnas al ĝi, ke ĝi akiras flugilojn, spaco antaŭ ĝi aperiĝas . . .

Jen la ensorĉo, per kiu vin katenligas la verdaj okuloj de l'nokto. — — J. Aktö.

# Gejunuloj!

Kelkfoje mi intencis skribi al niaj gejunuloj. „Junuloj — estonteco, ni ofte aŭdas. Sed ne tiom ofte ni aŭdas: Ni devas subteni nian junularon, nian estontecon. Mi, kiel juna studento, havis okazon aŭdi tiujn „amikojn de junularo“. En lernejoj instruas bonvolaj homoj, sed maljunaj, nekomprenante junecon. Junuloj en multaj asocioj, federacioj estas animo de laboremo. En nia urbo ekz. ekzistas gimnasta asocio „Orel“. Nur kelke da gejunuloj fakte laboras. Kaj tio okazas eble ĉie. Ika havas por ni junuloj la Moka-organizon. Mi estas jam dum 2 jaroj delegito sed ĝis nun, bedaŭrinde, mi ricevis nek unu karteton montrantan, ke Moka vivas. Eble mi estas ĝia plej mallaborema ano. Bone. Sed ankaŭ tiu mallaboremulo havas rajton scii, ĉu Moka vivas.

Mi kun ĝojo akceptis la starigon de Moka. Ekzistas ja kelkaj internaciaj asocioj de junularo, sed plenvorte internacia — ĝis nun ne estis. Sed kio estas „Moka“. Ĉu ne ni Moka-anoj? Do la kulpo estas ĉe ni. Tial mi proponas kaj varme petegas ĉiun junan samideanon, ĉi tiun artikolon legantan: Pripensu!

Laŭ mia opinio la landaj delegitoj de Moka, havas moralan devon ĉiumonate raporti en speciala junula angulo pri laboro, vivo kaj stato de sia nacia junula azocio. Raportante tiel regule, naciaj asocioj eble ne tuj, sed certe iom malfrue ekkonprenos, kiel malkoste, plej rapide kaj facile oni povas prizorgi la interrilatojn. — Mi denove petas, pripensu. Plue devas nepre okazi konferenco de niaj membroj. Speciala konferenco, pritraktanta ĝisnunan staton kaj planojn por estonteco. Eble C. O. povus kunvoki dum libertempo similan „kongreson de katolika junulare“. Oni ne bezonus multe da laborantoj, sed agemaj, vere komprenantaj siajn devojn rilate tiuj naciaj asocioj, fakaj, neuzantaj Esperanton. (La nunjara kongreso estas taŭga okazo! Red.)

K. M. publikigu en ĉiu monato nomojn de anoj laŭ landoj, por ke ili povu interrilati kaj dispartigi laboron. Ĉi tiuj anoj de sama ŝtato elektu kelke da fidindaj gesamideanoj, kiuj interrilatu kun estraro de nacia asocio junularo, kaj petu: Ĉu asocio havas intereson esti representata dum laborkunsido de Moka. Ĉu ĝi, se promesus tion ankaŭ alilandaj uzadus Esperanton en interrilatoj internaciaj; se ili neus, petu kaŭzon de ĉi tiu malaprobo. Kunvenonte ekzemple 40 junaj kristanoj, pridiskutinte nunan staton, ili povus tuj komenci laboron, konante plej taŭgajn ilojn.

Ankaŭ estus tre dezirende, ke C. O. de Moka eldonu esperantan flugfolieton pri „Esperanto kaj junularo“. Landaj delegitoj tradukonte ĝin nacilingve, publikigos tradukon en junularaj gazetoj, kaj ankaŭ en aliaj ĉefaj jurnaloj katolikaj enlandaj, notante ke subskribinta delegito estas preta, doni informojn rilate Moka.

Gefratoj, ĉi tio estas kelke da vortoj, kiujn skribis mallaborema mallaboremulo, kiu de nun promesas labori! Tial pripensu la proponojn, akceptante la bonajn, rifuzante malbonajn kaj anstataŭu ilin per pli bonaj. Sed ne dormu, kiel ĝis nun dormis via J. Aktö, delegito de Moka.

# Komunikoj.

Nia movado malgraŭ la plej malfacila situacio en Eŭropo paŝo post paŝo progresas en preskaŭ ĉiuj landoj. La estraro de la litova junula ligo katolika decidis en la lasta ĉefkunveno unuamine la aliĝon al MOKA. Vivu la nova aliĝinta ligo! Ankaŭ en aliaj landoj oni rigardas kun kontentigo la ĉiaman seriozan laboron de Moka, kiu pli kaj pli enradikiĝas en la koroj de la tutmonda katolika junularo. Precipe nia ĉefdelegato Sro. Solzbach en Honeff (Rejnlando) fervorege laboras kaj jam formis novan Moka-grupon. Aliaj grupoj ekz. en Fulda, Beuthen anoncas novan fortan agadon.

Samtempe kun la kongreso de Ika okazos ankaŭ nia 3a Moka-kongreso. Mi jam hodiaŭ petas ĉiujn Moka-anojn, delegitojn ktp. multnombre partopreni ĝin. Ni volas montri, ke nia tutmonda anaro pli kaj pli kreskas; anoncojn oni direktu senpere al Ika, Graz. Proponoj por la Moka-kongreso mi volonte akceptas. En unu el la venontaj numeroj la programo de nia kongreso estas publikigata. Do venu! Por malmultekosta loĝigo de gejunuloj oni zorgos diligente!

Cetere mi ĝojus, se ĉiuj delegitoj, landaj sekretarioj de Moka de tempo al tempo raportus al mi pri la progresoj de nia movado. Ne forgesu sendi artikoletojn por „Junula Angulo“!

Al ĉiuj koregan saluton! Ĉiam antaŭen!

Hanns Sappl, ĉefsekr.

# La tria Internacia Katolika Kongreso en Konstanz.

**La 10 — 15an de aŭgusto 1923.**

2a Komuniko.

1. **Kongresdato:** Kaŭze de diversaj cirkonstancoj oni decidis aliigi la kongresdaton. La kongreso do okazos **la 10 — 15an de aŭgusto,** tuj post la ĝenerala kongreso en Nürnberg.

2. **Provizora Programo:** Kiel la plifruaj kongresoj ankaŭ la tria konsistos el diversaj sekcioj aŭ konferencoj. La centra ideo de la tuta internacia aranĝo estas: amo, agado, rekristaniĝo. Ĉiuj problemoj, kiuj rilatas tiun centran ideon estos allasataj por pritrakto kaj ni elpetas praktikajn proponojn. Ne estas eble jam hodiaŭ komuniki fiksan programon, ĉar la intertraktadoj kun la diversaj organizoj ne ankoraŭ estas finitaj. Tamen certe okazos jenaj konferencoj:

a) Ĉefa konferenco: pri praktika kunagado internacia de la katolikoj por defendo de l'eklezio kaj solvo de internaciaj taskoj modernaj;

b) Junula konferenco: Iloj kaj vojoj por disvastigi la Moka-ideon inter la naciaj gejunularoj. Kunveno de la delegitaro de Moka; ĝenerala kunsido;

c) Porpaca konferenco: La eternaj fundamentoj de kristana paco. La devo de la katolikaro, estiĝi la fermentilo de l'paco en la homa socio laŭ la enciklilko de papo Pio XIa.

d) Misia konferenco (hejmlanda misio). La rekristaniĝo de la kulturaj nacioj; la regajno de la proletariaro; la apostolato de la katolika laikaro.

e) Esperanto-Konferenco precipe pristudos la ilojn kaj vojojn de peresperanta propagando en katolikaro, la plibonigon kaj plioftigon de K. M., la realigon de peresperanta informservo ktp.

f) Plue estos aranĝataj specialaj konferencoj pri elmigrado, pri disvastigo de bonaj filmoj, pri komercista kunagado ktp.

3. **Propagando:** Estas nepre necesa, ke ĉiu samideano subtenu per persona kaj laŭeble gazetara varbado la nunjaran kongreson, kiu okazanta en malfacila kaj malĝoja tempo devas estiĝi vera dokumento de la vivanta kristanismo.

4. **Financoj:** La elspezoj por preparo en la nunaj cirkonstancoj estas eksterordinare grandaj. Ekz. la prezigo de invitiloj kostas 1,000.000 da aŭ Kr. Do pagu tiuj vian aliĝokotizon kaj sendu laŭpove monhelpon. Laŭdinda estas la ekzemple de malriĉa germana samideano, kies leteron mi laŭvorte publikigas:

> „Ricevinte jus la nron de nia kara K. M. kaj sciiĝinte pri nia tria kongreso, mi sendas ĉi-kune malgrandetan mondonacon (500 g. m.). Pli multe mi bedaŭrinde ne povas sendi nuntempe. Granda parto eĉ ne devenas de mi sed de aliaj, de kiuj mi iom da mono elpetis. F. D.

Ĉu tiu helpemo de nia malriĉa frato germana ne instigas vin, agadi simile? Certe la Savinto benos ĝoje tian spiriton.

**Kotizoj:** Unueca kotizo minimuma estas nur 5 sv. fr. por bonvalutaj ŝtatoj. Kongresanoj el mezvalutaj landoj laŭbezone havos 50% da rabato, el malaltvalutaj ŝtatoj 66%, el plej malaltvalutaj landoj 80% (sama proporcio kiel por abono de K. M. v. p. 4a). Por junuloj, studentoj ktp., kiuj fakte ne povus pagi tiun sumon, oni povas doni specialan rabaton.

**Membroj.** Ĉiu katoliko, paginta la kotizon, estas kongresano.

**Listo de partoprenontoj:** Sro. F. Färber, Mannheim, Germ.; Pro. Landis, Mannheim, Germ.; Grafo E. de Rougé, Parizo; Pro. M. Carolfi, Italio; Prof. W. Arnold, Svislando. Dro. Metzger, Graz; Sro. H. Sappl, München, Germ. Sro. K. Mayr, Graz; Fino G. Dabancourt, Francio. Fino E. Zechner, Graz; Sro. F. Overdorpp, Germanio. Sro. Bartha, Graz; Fino F. Müller, Graz; prel. A. Giesswein, Budapest.

**Mondonacoj:** Blanka Kruco, Graz, 5000 g .M.; Sino Ferber, Mannheim 500 g. M.; Sro. F. Dewniak, Germ. 500 g. M.; Sro. L. N. 140.000 aŭ. kr., „Wige“, Graz 20.000 aŭ kr.

**Aliĝu tuj! Sendu monhelpon!**

---

tan, ke la eparĥia kunsido ne estas okazonta. Ĉiu reveturis hejmen iomete malkontenta“.

„La reformema partio, kiu konsideras la Filon de Dio nur kiel la unua predikinto de la komunismo, nomis kiel estro de nia eparĥio unu el siaj sampartianoj, kiu venis okupi la oficon de la rajta episkopo; sed la pastraro bojkotas la uzurpulon. La legitima ĉefepiskopo elmigris ĉe sia filo en R . . . ., kaj li ne manĝas sate“.

„Sed jen plisensacian novaĵon: Mi estis skribinta por havi certigon, sed ĝis nun mi ne ricevis respondon. La ĵurnaloj brue anoncis la konvertiĝon al la katolicismo de Monsro Nafanail, ĉefepiskopo de Harkon, kaj de la ĉefpastro Timoteo Butkieviĉ, eks-reprezentanto de la pastraro ĉe la ŝtatkonsilantaro kaj profesoro de teologio ĉe la Universitato de Harkon, aŭtoro de multnombraj verkoj.“

La mizero, kiu jam de longe okazas en Rusujo, estas nepriskribebla. Gi kruele atingas la katolikajn misiistojn kaj iliajn paroĥanojn. La 16an de Oktobro, germana pastro, paroĥestro de granda kolonio en la ĉirkaŭaĵoj de la urbo: Aleksandrovsk, sur la Dniepr, skribis:

„Neeble estas al mi priskribi kion ni suferis. Dum Oktobro 1919, mi perdis pli ol 75 paroĥanojn kruele mortigitajn de la noktovagemaj bandoj de la fama bandestro Makhno. Mi devis forkuri en Krimujon. La lastan jaron, mi definitive revenis ĉi-tien. Mi vivas en ĉagreno. Mi volas tutkore preĝi kaj esti indiferenta pri ĉio. La plej grandvaloraj objektoj de mia preĝejo estis ŝtelitaj. Mi ne havas eĉ ciborion por la S. Sakramento. Preskaŭ ĉio, kion mi antaŭe havis en la pastrejo, estas ruinigita. Mi havas nek paltoveston, nek kapoton. Mi posedas nur unu pantalonon, malnovan sutanon kaj krevitan matracon. Jen mia tuta havaĵo!“

Alia pastro, rifuĝinta en farmbieno, ĉe sia frato, Dro G. K. skribis ankaŭ je la sama dato:

„Ni ne plu havas Seminarion. Ĉio estas ruinigita: la kleruloj foririntaj edziĝas unu post la alia; la diakonoj kaj subdiakonoj estas forlasitaj dum tiuj ĉi mizeraj tempoj; estas preskaŭ tute neeble ilin monhelpi. Ni vivas en malfeliĉa tempo.“

Kiel la ruslandaj ĥoj funebre sonas en niaj koroj, katolikaj fratoj! Ĉio mankas, eĉ la plej necesegaj aĵoj. Kiu povas ilin helpi? Pripensu la bezonon de viaj fratoj en Kristo, ĉar se iu havas mondan posedaĵon kaj vidas sian fraton havantan bezonon, kaj fermas sian kompaton kontraŭ li, kiel la amo de Dio restas en li?“ (I. Joh. 3, 17.) Max Roub.

P. S. Kiu deziras helpi la katolikajn rusojn, ĉefe la pastrojn, povas tutfidinde sendi monoferon al R. P. Gerald Ramboux, 14 Halfstraat, en Leuven (Belgujo). La Redakcio.

## Komparo.

**Esperantista letero.**

Ĉu vi iam ekvidis la organon de la Revoluciema Internacio: „Sennacia Revuo“? Kiel ĝi bone aspektas kun sia formato de 23×29 cm, kun siaj 20 paĝoj de teksto, kun siaj ilustraĵoj! Mi ne skribas tion por reklami ĝin apud vi, estimataj samkredanoj. Tute ne! Sed por ke vi, kiel mi lasttempe havante en la manoj numeron de ĉi-tiu revuo, ĝin komparas kun nia „Katolika mondo“, la tro modesta organo de nia Ika, kaj pripensas atente la aferon. Socialistaj esperantistoj eldonas bonaspektan revuon, de kiu eliras 6.000 ekzempleroj (!) ĉiumonate, laŭ sciigoj donitaj de la direkcio mem, dum ni, katolikoj, eldonas nur etan ĵurnalon, havante nur 8 paĝojn samformate ol „Senacieca Revuo“, kies la eldononombro ne atingas eĉ la trionon de la ekzempleroj de komunista organo! Kiel do ĉi tiu diferenco? Ĉu ni estas malpli nombraj ol la socialistaj esperantistoj? Mi ne tiom pensas; kontraŭe mi opinias ke la esperantistaro enkalkulas pli da katolikoj ol komunistoj. Sed eĉ ne kvarono de niaj katolikaj samideanoj legas katolikan gazeton! Ĉu mi do devas konkludi, ke ni estas malpli fervoraj por nia alta idealo, por nia kredo ol la aliaj! Ĉiuj niaj samkredanoj devas demandi: ĉu ili plenumas sian katolikan devon rilate al nia gazeto, kaj konscience respondi la demandon antaŭ Dio mem. Estas konscienca afero! Nia sankta Religio ja ordonas al ni ĉiuforte subteni la katolikan gazetaron. Tiu ĉi devo aparte nin atingas rilate al la esperantlingve eldonita katolika ĵurnalo. Ĉu ni jam pripensas ĉi tiun devon nian! Certe, la ŝatindaj legantoj de K. M. plenumis la tian devon almenaŭ parte, aboninte nian katolikan organon, sed ĉu ni ĝin tute plenumis? Mi malkaŝe neas, ĉar restas la propagando, la disvastigo de la ĵurnalo apud la dormemaj samkredanoj. forgesantaj sian devon rilate al nia katolika ĵurnalo. Ni ne konscience povas aboni neŭtralan (!?) revuon kaj ne atenti pri la katolika! Unue ni devas subteni la katolikan ĵurnalon, ĉar ĝi estas katolika, kaj sekve tute necesa por la enkonduko de Esperanto en samkredanaj rondoj. Poste, se ni ankoraŭ havas disponeblan monon, ni povas aboni gazeton de ĝenerala vidpunkto. Bone estas subteni la ĝeneralan movadon esperantistan, sed pli bone, kaj eĉ deve, estas subteni la specialan, la katolikan agadon. Mi petegas vin, karaj samkredanoj, serioze pripensi la aferon. Necesege estas, ke nia „K. M.“ atingos la samrangon kiel la socialista organo. Tio estas tute ebla. Sufiĉas, ke ĉiuj niaj katolikaj samideanoj abonu. Ĉu ni solaj ne komprenos nian urĝan devon kaj ĝin ne plenumos? Mi ne volas tion pensi kaj tiamaniere vin insulti! Mi konfidas al ĉiuj samkredanoj miaj; kaj nu pensas, ke tiu afabla rememoro de ilia devo sufiĉos al multaj, eĉ al ĉiuj, por ke tuj ili ĝin plenumos.

Nia novjara tasko estas: plifortigi kaj pligrandigi nian „K. M.“. Do veku la dormantojn, varbu la neatentulojn! Max Roub, Belgujo.

Rimarko. Bedaŭrinde ni ne povas substreki la opinion de la aŭtoro, ke la abonintoj plenumis sian personan devon. Ĉar malgraŭ ofte ripetita peto kaj eĉ persona admono, pli ol triono de la legantaro ne pagis la abonprezon ĝis nun, kvamkam ili ricevas kaj akceptas K. M. Tiuj malzorgaj abonintoj ne pripensas, ke per tio ili danĝerigas la ekzistadon de la gazeto. Mi ne esperas, ke tiu lasta admono ilin revokos al ilia devo, tamen ni volas publike konstati tiun vere strangan malzorgon. La administracio.

## La katolika komerca internacio.

Lastfunde ekzistas precipe du vivaj internacioj grandaj. La unua estas la katolika eklezio, la dua — eble ŝajnus tio stranga — la komerco: aŭ alivorte la spirita kaj materia internacioj.

La eklezia internacio havas la plej belajn instrumentojn kaj instituciojn internaciajn, kiuj — bedaŭrinde! — ofte nur estas uzataj tro malmulte. Pro tio estas ĝia internacia laboro ofte tre malfacila kaj malhelpita. La nombro de la komercistoj estas multe pli malgranda ol tiu de la katolikoj: sed iliaj institucioj kaj organizoj estas ofte pli lertaj kaj konformaj al lokoj kaj tempoj. Oni ekzemple nur studu la vere interesegan diagramon, en la „Komerca tekniko“ de Prof. Schär, kie per linioj kaj cirkloj estas plej akurate designata la tutmonda komerco. Unue tiu ĥaoso de linioj kaj cirkloj povus konfuzi la kapon. Sed kiu pli atente ilin studas baldaŭ trovos mirindan ordon kaj harmonion: ĉiuj linioj kondukas de loko de produkto ĝis la loko de konsumo. Ĉiuj linioj estas praktikaj, serĉante ĉiam la plej mallongan aŭ plej malmultekostan vojon, ĉiuj laŭplanaj kiel la fortlinioj de granda maŝino, kiu povus konfuzigi mallerton, en la kapo de fakulo tamen vekas la sentojn de plej simpla kaj plej praktika harmonio.

Kiel forta, kiel bela estus katolika internacio, kiu uzas ankaŭ la teknikon de honesta komerco, kiu sukcesus organizi katolikan komercan internacion! Certe, ĝi devus labori ruze kaj laŭ komercaj reguloj; tamen ĝi neniam devus forgesi la respondecon; ĝi ne devus forgesi, ke krom la bonaĵoj en tiu ĉi mondo ekzistas multe pli altvaloraj, por kiuj la materiaj nur estas iloj. Ĉiam do ĝi devus pripensi, ke tasko de la komerco ne estas kolekti riĉaĵojn, sed ilin produkti kaj disdoni.

Nu estas plej malverŝajne, ke la ekzistanta moderna komerca internacio, bazata plejparte sur kapitalista spirito kaj egoista metodo, de si mem iam „kristaniĝu“. Do ni katolikoj devas fari la unuan paŝon. Gis nun ekzistas du precipaj formoj de komercoj: la kapitalista entrepreno, kiu plej parte laboras por propra profito kaj la malkapitalista asocio, kiu laboras por utili la anaron (kooperativoj, kooperacioj, asocioj, „Genossenschaften“). Ambaŭ havas internaciajn rilatojn. Ekz. ni havas la grandan internacian ligon de „kristanaj kooperacioj“, sidejo en Romo. Ĉu ne estus bela tasko de ĉiuj bonaj katolikoj ĝin subteni, por ke la kristana komerca internacio tre fortiĝu? Sed fakte ĝi estas sola sur mondvasta vojo, kvankam ĝi tiel sukcese batalas kontraŭ ateista plutokratio. Ankaŭ nia katolika ekonomia asocio „Wige“ laboras jam nun en multaj landoj por disvastigi la ideon de vere kristana komerco.

Pripensu: la plej granda parto de ĉiuj komercaĵoj estas produktata de kristanoj, estas konsumata de kristanoj. Ĉu estas inda kaj konvena, ke preskaŭ ĉiuj ĉi komercaĵoj venu tra la manoj de nekristaj vendistoj, komercistoj, bankistoj? Certe ne! Do ni nur bezonas bonan volon, sentiman kuraĝon, mondvastan rigardon por krei katolikan kristanan komercan internacion apud la malkrista kaj kontraŭkrista.

Grandan utilon havas precipe por katolika komerca unuiĝo la uzo de komuna helplingvo. Precipe la komercisto bezonas personajn interrilatojn tutmondajn. Kiel ilin simple, praktike, malmultekoste trovi sen komuna lingvo?

Dro. Meister, Graz.

*

**Internacia katolika komercista ligo.**

La ideo de internacio katolika komercista ligo trovos multan aplaŭdon. Diverslandaj interesemuloj jam aliĝis kaj estas preta preni sur sin la oficon de komerca delegito katolika. Plue grandaj komercistaj organizoj interesiĝas kaj oni povas esperi sukceson. Ni atendas pluajn sinanoncojn el ĉiuj landoj. Ĉiuj delegitoj estos publikigataj en K. M. Oni petas aldoni, kiujn lingvojn la delegitoj scipovas krom Esperanto. Ĉiu delegito tamen estas devigata lerni kaj uzi Esperanton. En la adresaro tutmonda, eldonota dum 1923 la komercistaj delegitoj aperos sub speciala rubriko. Anoncis sin ĝis nun kiel delegitoj:

1. Sro. F. Albino, Londono, Anglio.
2. Sro. P. Becker, Augustinerstrasse 58, Mainz, Rheinlando, Germ.
3. Sro. Th. Fisher, 6 Shillingworth str, Sheetham Hill, Manchester.
4. Sro. Dro Meister, Graz, Karmeliterplatz 5, Austrio.
5. Sro. Hanns Sappl, München, Isabellastr. 40, Bavario.
6. Sro. Ew. Solbach, Solingen, Victoriastrasse 147, Germanio.
7. Sro. I. Mollenhauer, Fulda, Friedrichsmarkt 7, Germ.

Kiel redaktoro regula de la komercista rubriko bonvole donis sian helpon Dro. Meister, direktoro de „Wige“, Graz, Karmeliterplatz 5.

**Katolikaj komercistoj, fabrikantoj, produktantoj**
**Anoncu vin tuj ! !**

# El ĉiuj landoj.

**Hispanio.** En septembro okazis la 2a granda misia kongreso tutlanda en Pamplona. Inter la multaj gravaj temoj pritraktikaj estas du precipaj: la misia unuiĝo interpastra, kiu jam disvastiĝis tra tuta Hispanio kaj starigo de dua misia seminario. La spirito de Sta Francisko Chaviero ekbruligis la korojn kaj nun la misioj estas kora afero por ĉiuj katolikoj.

En oktobro estis la tricentjara festo de sanktigo de Sta Teresio de Jesuo. La Salamanka universitato kun

**granda solenaĵo donis al la granda Sanktino la indecon de doktorino „honoris causa".**

Decembro. Tri precipaj okazintaĵoj: la ekziĝo de la konservativa partio el la registaro kaj la eniro de la unuiĝitaj liberalistoj. La nova ministraro estas formata per liberalistoj plej diversopiniaj; parte kreduloj kiel Garcio Pietro kaj Romanones, parte indiferentuloj; aliaj kontraŭekleziuloj kiel Albo. Slavatella ktp. Rimarkinde estas ke Sro. Pedregal, financa ministro estis la unua ministro hispano, kiu ne alvokis la sanktan nomon de Dio, kiam li ĵuris la oficon.

Dua fakto estis estis la kunveno partio maurista (anoj de Antonio Maura). Ili estas agadkatolikoj kaj havas grandan influon en la vivo politika hispana. Inter aliaj temoj pritraktitaj estas precipe la socia vivo (salajro, reformo de la proprajo); instruada problemo; politika reformo kaj voĉdono de la virinoj. Prezidanto elektita: Antonio Goicvechea.

Tria grava okazintaĵo estas la fondo kaj kunveno de nova katolika partio „Politiko socia", ĝenerale nomata partio popola hispana, laŭ la modelo de „popolari" en Italio aŭ de „Centrum" en Germanio. Naŭmembra direktoro oficiale gvidas la novan popolpartion, kiu kunigis en si jam pluraĵn deputatojn de la parlamento apartenintaj ĝis nun al diversaj partioj.

Originala informservo de K. M.

## Anoncetoj.

**La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.**

---

Sro Johano Mirabitllas, strato Sonto Domingo 4—1 Mauresa, Barcelona, Hispanujo dez. interŝ. poŝtkartojn kun la tuta mondo.

Por scienca laboro mi bezonas skarabojn el tropikaj landoj, ne preparitajn, sekajn en papertubetoj aŭ en alkoholo; sed nur tropikaj specoj de ĉiu grandeco, kiujn mi, ne estante komercisto, plibone pagas. Pro tio mi petas misiistom, instruistojn, oficistojn ktp. afable skribi pri tio. Mi respondos al ĉiu kaj donos informojn por preparado kaj garantias bonan enspezon kaj daŭran aĉetadon. Pro Václav Skrlant, kaplano v. Žižkově, Ĉeĥoslovakio.

Juna katolika germana instruistino kun bonegaj atestoj kaj Francaj, Anglaj kaj Hispanaj lingvokonadoj, muzikeme (piano kaj violino) serĉas en eksterlando taŭgan okupadon kiel privatinstruistino en familio aŭ lernejo. Ofertoj al Fraŭlino Pieper, Münster, (Westf.) Bült 29. Charitasbüro, Germ.

Sro L. Sonnenfeld, paroĥestro en Wenigzell, Stirio, Aŭstrujo dez. interŝ. P. M. el ĉiuj eŭropaj ŝtatoj.

Pasquale Pachi Piano, Primo, Firenze, Italio P. J. bfl.

Katolikaj filatelistoj aĉetu ĉiajn poŝtmarkojn ĉe la misia poŝtmarka vendejo de Blanka Kruco, Graz, Karmeliterplatz 5.

Janisch Peter, Osehmaier, Groß-Steinbach ap. Ilz, Ost-Steierm., Austrio interŝanĝas P. M. kun ĉiuj landoj, se eble ne uzitajn kompletajn seriojn; sed ne kondiĉo; liveras neuzitajn aŭstrajn seriojn.

Pro Kamil Laudin, katechisto, Kročehlavy, ap. Kladno, Ĉeĥosl. dez. kor. kaj interŝangi P. M. kun samkredanoj el Luksemburgo, Irlando, Malta insulo, Gibraltar, Palestino, ĉefe kun pastroj.

Sro V. Grasser, St. Margareten-Knittelfeld, Stirio, Aŭstrio korespondas kun gesamideanoj en jenaj landoj: Rusujo, Finlando, Estlando, precipe kun ŝtatanoj de postcaraj rusaj ŝtatoj krom Polujo. Plue mi deziras korespondadi kun gesamideanoj en Palestino, Grekio kaj Egiptio. Interŝanĝas leterojn kaj arte ilustr. P. K. eventuale P. M.

Sro W. Mudrak, Wien, XV., Gebr. Langgasse 7, Aŭstrio, deziras korespondadi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj precipe pri vera katolikismo, paco kaj Eo. movado, socia demando ktp.

Dyba, gimnazia profesoro, Berlin-Niederschönhausen, Körnerstr. 4, korespondas kun geinstruistoj k; donas librojn aŭ P. M. (flugp., oficaj, bavaraj ktp.) samkvante aŭ samvalore por alilandaj P. M. (ne malpli ol 200), sendotaj enregistrite.

Sro Richard Schütze, poŝtfako 25, Plauen i. Vgtl., Germanujo interŝ. P. M. (nur!) kun la tuta mondo.

## Recensejo.

**Himnaro Esperanta**, British Esperanto Association, 17 Hart Street, London W. C. I., 1 ŝ 6 p.

Belega kolekto de plej diversaj himnoj kristanaj; domaĝe, ke mankas iomete la katolikaj himnoj precipe el la mezepoka tempo. Sed ĉu ni katolikoj mem ne estas kulpaj je tio, ne kolektinte ĝis nun tiun plej valoran trezoron? Stilo, lingvo, ritmo: ĉio estas preskaŭ ĉiam perfekta.

**Esperanto-Übungsbuch** de Dro Bischitzky; eldonejo A. Haase, Prag-Annahof. Por germanoj tre taŭga ekzercaro.

**Esperanto-Lehrbuch**, de Bruggemann, Esperanto-Verlag. Friedrich Ader, Dresden-A 27. La nova aranĝo de la lecionoj rekomendas tiun ĉi lernolibron precipe.

**Enciklopedia Vortaro. Esperanta-germana** de Eug. Wüster, Ferdinand Hirth u. Sohn, Leipzig, Salamonstrasse 5.

Tiu ĉi vere salutinda entrepreno meritas la subtenon de ĉiuj Esperantistoj. Estas unua pruvo de sinteza Esperantovortaro. Aperos en 7 sinsekvontaj numeroj. La enkonduko estas havebla ankaŭ nur en Eo. Interesemuloj elpetu la detalajn kondiĉojn de la nomita eldonejo.

**Ausführliche Grammatik der Esperantosprache** de Jules Perlet, eldonejo A. Schmid u. Cie, Bern, Svis. por malbonvalutaj ŝtatoj 3 sv. fr.

Bona, tre taŭga, bele presita kaj ampleksa lernolibro, sed por malbonvalutuloj iomete multekosta!

**Ĉiuj Esperanto-libroj estas mendeblaj per Paulus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5.**

## Abonprezoj de K. M.

La nuna necerteco de la financa situacio tutmonda devigis nin por la nova kolekto, komenconta la 1an de majo, fiksi novajn prezojn minimumajn. Ni klopodis trovi plej simplan formulon, kiu en sama proporcio valoras por K. M., Ika-Kotizo kaj Kongres-Kotizo.

**Unueca internacia prezo de K. M. por kolekto de 10 numeroj estas 3 svisaj frankoj.** De tiu sumo malbonvalutaj ŝtatoj havas **konvenan rabaton.**

Jarkotizo de **Ika-membro aboninta** estas ½ de abonprezo por koncerna lando.

Jarkotizo de **Ika-membro ne aboninta** estas ⅔ de koncernlanda abonprezo.

Do abonpago por K. M. estos venonte:

Bonvalutaj ŝtatoj: ekz. Svislando, Anglio Hispanio 3 fr., ŝl. pes; Nederlando 1.5 fl, Usono 0.75 d.

Mezvalutaj ŝtatoj: **50 % rabato**, ekz. Francio 5 fr., Italio 6 l, Ĉeĥosl. 10 ĉKr, Litovio 5 lit.

Malaltvalutaj ŝtatoj: **66 % rabato** ekz. Jugoslavio 15 din, Bulgario 20 l, Rumanio 20 l.

Plej malaltvalutaj ŝtatoj: **80 % rabato** ekz. Austrio 8000 kr, Germanio 1500 g. m. ktp.

La lastnomitaj povas aboni duonkolektojn de 5 numeroj.

Tiuj prezoj nur estas ekzemploj. La faktaj prezoj sin konformigos al la oficialaj valutaj kursoj de la Zurich'a burso en koncerna monato.

Oni pagu ĉe niaj poŝtkontoj aŭ naciaj abonejoj en nacia valuto; kie ne ekzistas abonejo per enskribita letero al Kat. Mondo, Graz, Austrio, Karmeliterplatz 5.

**Oni neniam pagu per poŝtavizoj!**

## Abonejoj kaj pagejoj de K. M.

Anglа: I. E. Hookham, 45 Holmesdale Road, Hampton Wick, Middlesex;

Aŭstra: Graz, Karmeliterplatz 5; elpetu poŝtpagilon! Vieno: I., Kleeblattgasse 7, 2. St.;

Aŭstrala: Fino Maud Helm, 24 Mac Keanstr., Melbourne;

Belga: G. Ramboux, Leuven, Halfstraat 14;

Brazila: C. Fernandez, Lasangeiras 225, Rio de Janeiro;

Ĉeĥoslovaka: pagejo per nia bankkonto; elpetu poŝtpagilon; Praha: Frant Buhr, Praha-Brevnov 25;

Franca: M. Pierre J. A. Muffang, 14bis avenue Galois, Bourg-la-Reine; compte de cheques postaux: Paris No. 22.482;

Hispana: Pro. Mariano Mojado, Abascal 13, Pral A Madrid;

Itala: P. M. Carolfi, Cortemaggiore, Piacenza;

Litova: I. Mačernis, Ukmerges plentas 45, Kaunas;

Pola: Wny Ksiadz A. Sobczynski, Kielcach, Siminarjum Duchowne;

Rumana: Pro. A .Vorbüchner, Brazov, Klostergasse 23;

Svisa: Prof. W. Arnold, Zug, pagejo per poŝtpagilo: Schweiz. Genossenschaftsbank, St. Gallen No. IX 0, 017 St. Gallen por konto „K. M.";

Usona: A. Vidikovski, 2833 Livingstone str., Philadelphia.



Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Posedanto kaj Eldonisto: „Ika", Graz, Karmeliterplatz 5. — Responda Redaktoro: Dr. M. J. Metzger, Graz, Karmeliterplatz 5. Presejo: Heinrich Stiasny, Graz.